# LA SKOLTA MONDO.

№ [redacted]

Trimonata revuo

Okt-Dec 1976

Vol 5 Nr-o 4



"Rally Cicilistico Scout del Garda" okazis jam dum pluraj jaroj, aranĝita de nia NR Fr. Abriani. En 1975 partoprenis 530 geskoltoj el tuta Italujo, por ĝui amikecon kaj konkurson dum tritaga biciklado ĉirkaŭ la Gardo=Lago. Kunlaboris ankaŭ la Itala Ruĝa Kruco, kaj radioamatoroj aktivis por kontakti kun skoltoj en aliaj landoj.
La foto montras la aktivecon antaŭ starto. Rimarku la aŭtobuson de s-ro Vandelli kun nomo de nia Ligo.

# S ☆ E ☆ L

SKOLTA ESPERANTO LIGO
Postbus 433
Zaandam Nederlando
Poŝĝirkonto 54.36.47
*******

Fondinto "Avoto", A.W.Thomson.
Kunfondinto: J.W. Leslie.

Honoraj Prezidantoj:
Avoto, Norman Booth, D. H. Davis, L. J. VanGulck.

Prezidanto: John Berggreen, Brattvollveien 23c, Oslo 11 Norvegujo. Tel. 02-283035.

Sekretario: J. K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam-1400 Nederlando. Tel.075-166931.

Kasisto kaj Administranto de "La Skolta Mondo": David H. Withey, 21. Brookfield Avenue, Waterloo, Liverpool L 22 3ye, Britujo. Tel. 051-928-2936.

Redaktoro: Hans Amund Rosbach Nergata 37c, 6500 Kristiansund N, Norvegujo. Poŝtkto: 8030413. Tel: 073-77620.

Membroj de la Centra Komitato:
Allan Fineberg, 76 Seventeenth Av., Paterson, NJ-07531, Usono.
Ŝindo-Seitaro, Nisi-mikuni 1-tyôme 200, Higasi-yodogawa -ku, Osaka-si, Japanujo.
******

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.

Okaze de nericevo, bonvolu informi la Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.

Kotizojn oni prefere pagu al la Nacia Reprezentanto. Se tia ne estas en la lando, prefere al la Kasisto!



Feliĉan Kristnaskon!
Mi beligis ĉi tiujn liniojn per bildo de neŝatata besto - skorpiono. Sed la bildo havas neniun malican sencon - kiel ankaŭ ne la aliaj bestobildoj en la numero. Ili nur servu al beligo kaj gajigo de la numero.
Sed kiu scias? Eble la redaktoro havas la tre specialan, malican intencon? Kiel la pastro certe havas?
Ie en Norvegujo pastro gvidis tielnomitan "familiodiservon", t.e. diservo al kiu la infanoj estas speciale bonvenaj. Kaj tiu pastro preparis tiun diservon zorgeme, i. a. li verkis liston da demandoj (kaj kun la atenditaj respondoj) kiujn li volis prezenti al la infanoj.
Kaj la infanoj gaje kaj spontanee respondis. Sed la demandoj elĉerpiĝis, kvankam ankoraŭ restis malgranda knabo, al kiu la pastro rektis neniun demandon. La pastro do igis la cerbon labori, sed povis en la momento trovi nur unu demandon: "Kaj nun, kara knabo, eble vi povas respondi al ĉi tiu demando. Kio estas bruna kaj vila kaj saltas de arbo al arbo kaj preferas manĝi nuksojn?"
Kaj la eta knabo respondis: "Oni ja povus kredi ke temus pri sciuro. Sed ĉar vi, la pastro, faras la demandon, tutcerte temas pri Jesuo."

Tiu ĉi anekdoto almenaŭ havas la malican sencon, ke ni ĉiam havas rolon, kaj ke ni neniam, neniam, povas liberigi nin el tiu rolo.
Mi do estas redaktoro kaj pastro. Kaj per ĉi tiuj vortoj mi deziras al vi
FELIĈAN KRISTNASKON!
Kaj mi fidas, ke ĉiu el vi komprenas mian veran intencon.

Hans Amund

NIA PREZIDANTO:

# Tagiĝo - tagiĝo...

Karaj SEL-anoj!
Kun granda ĝojo mi jam nun povas raporti al vi pri sukceso por nia Kampanjo 1976/77; jes, mi kuraĝas diri, ke la atingitaj rezultoj en la nuna jaro fakte signifas "berĉon en la muro" survoje al plena rekono flanke de la Skolta Monda Oficejo en Ĝenevo al SEL.
Kiel parte anoncita de J.K.Hammer ni akiris ne nur la atenton, sed bonan kunlaboron kun tri el la plej gravaj personoj en SMO en Ĝenevo, nome la ĝenerala sekretario (kiu fakte estas la ĉiutaga ĉefo de la tuta skoltknaba movado), la direktoro de Publikaj Rilatoj, kaj la redaktoro de la oficiala skolto-gazeto WORLD SCOUTING



Ĝen sekr. Laszlo Nagy laŭ mia peto verkis bonegan antaŭparolon por nia nova libreto "Plivastigita Horizonto en Internacia Skoltado", la redaktoro Glassé permesis al mi verki duan artikolon pri Esperanto (aperos en novembro, la 1. en junio 1976), kaj la direktoro de PR, s-ro Kentopp, mem oferis sian helpon leginte la korespondadon. La bonajn konsilojn kaj informojn el SMO ni nun utiligas dum la preparo de la nova libreto.

La Kampanjo cetere fariĝis multe pli granda ol ni planis ĝin dum la estrarkunvenoj en Nordjamb 75. Jen kelkaj punktoj por doni al vi imagon pri la komplekso de la plano kaj la nuna situacio:

1. PLIVASTIGITA HORIZONTO eldoniĝos en jenaj 9 lingvoj laŭ originalmanuskripto en Esperanto de J.K.Hammer:
Angla, franca, germana, hispana, japana, araba, nederlanda, norvega kaj Esperanto. La unuaj eldonoj (en angla, nederlanda kaj norvega) estos pretaj post unu monato, kaj la aliaj sekvos dum la vintro.

2. La libreto koncentriĝas pri skoltaj aktivecoj en internaciaj rilatoj kaj estas la oferto de SEL konforme al The Interlink Program (La Internacia Kunlabora Programo) de SMO en Ĝenevo. Tiamaniere SEL kaj la Skolta Movado por la unua fojo unuiĝas en komuna mondvasta agado utiligante La Internacian Lingvon kiel rimedon en tiu tasko, kaj tio pruvas la grandan kaj gravan signifon de la afero.

3. La intenco estas sendi la libreton en 2 ekzempleroj senpage al ĉiuj skoltasocioj en la 110 landoj kie ekzistas skolta movado, nome al la ĉefskolto kaj al la Internacia Komisaro en tiuj landoj. Ni esperas pri helpo flanke de SMO rilate al tiu forsendo.

4. Nia espero cetere estas ke niaj SEL-anoj, Esperantokluboj ĉie en la mondo kaj unuopaj esperantistoj kunhelpos verki artikolojn en skoltaj gazetoj (kiuj abundas en miloj kaj miloj, ĉar preskaŭ ĉiuj skoltgrupoj posedas sian propran gazeteton), kaj en la Esperanto-gazetaro, por veki intereson pri la libreto inter la 22 milionoj da geskoltoj, kiuj povus utiligi la libreton.

5. Nia plano ankaŭ estas interesigi la partoprenantojn de la Mondkonferenco en Montrealo en Kanado, somere 1977, por niaj libreto kaj cetera laboro. Se ni sukcesos en tiu plano, ni povus esperi pri plena rekono de Esperanto kiel oficiala skolta lingvo.....!

6. Ni ne forgesu la skoltinojn. La libreto estas ankaŭ por ili. Tial mi decidis mem vojaĝi al Londono (proprakoste kompreneble) por viziti la ĉefoficejon de la skoltina movado tie, kaj samtempe prezenti la anglan eldonon de la nova libreto. Mi ek-

# nia kampanjo



En la antaŭa numero de LSM mi promesis raporti, Kiel SEL klopodas forigi la lastajn barojn inter Esperanto kaj la Skoltaro.
Eldoni libreton estas utila... sed nur, kiam ĝi poste estas legata. Do - antaŭ decidi, ke oni eldonos libreton, oni devos pristudi kiel oni povas garantii, ke oni legos ĝin.

Kaj ni rimarkis du faktorojn:
Unue: Skoltaj libroj en eksterlanda lingvo ĝenerale ne estas tre ŝatataj kaj multaj skoltoj ja tute ne povas legi eksterlandan lingvon.

Tial nia libreto estas eldonata en kiom eble plej da naciaj lingvoj. En la nuna momento ili nombras jam 8!

Due, la Skoltaj Movadoj en multaj landoj rigardas proponojn de aliaj grupoj ofte kun malfido. Skoltismo ja ne nur estas agrabla aktiveco por junuloj, sed ankaŭ valora sistemo por eduki ilin. Tial pluraj grupoj en la socio, ĉu politikaj aŭ religiaj, jam klopodis uzi la skoltan sistemon por disvastigi siajn ideojn inter la junuloj.

Pro tia danĝero kaj tiaj malagrablaj spertoj la skoltaj instancoj ofte estas hezitemaj kaj eĉ rifuzemaj al ideoj kaj proponoj de "ekstere".

Ankaŭ tiun baron ni klopodis venki, ĉar nia prezidanto invitis doktoron L. Nagy, la ĝenerala sekretario de la Skolta Movado, ke li prezentu nian librom al la Skoltaro per antaŭparolo.

Sed.... pri la sorto de tiu peto, kaj la respondo al ĝi, nia Prezidanto mem raportas en sia artikolo sur la antaŭa paĝo!

Ko.

********

Eskil SVANE, dana diplomato en Bruselo kaj membro de SEL sendis tre interesan leteron al la redaktoro de WORLD SCOUTING pri Esperanto.
En la letero li substrekas la utilon, kiun li mem havis de Esperanto private, kaj kiel skolto kaj en sia kariero en la diplomatio.

********

vojaĝos la 26-an de Novembro.

Samtempe kun la progreso de nia Kampanjo 76/77 raportiĝas pri kreskanta intereso pri Esperanto inter skoltoj en multaj landoj, kaj SEL (ĉefe pere de la nelacigebla laboro de nia ĝen. sekr. Ko Hammer) akiris novajn NR kaj helpantojn en kelkaj landoj kie ni antaŭe ne havis kontakton.) Do ni povas man-en-mane kuraĝe kanti:

En ĉiu mondparto, en ĉiu ter-zon',
en koroj de centoj da miloj,
jam vibras por nia saluto reson',
do kantas de l' tero la filoj:
Tagiĝo, tagiĝo radias en rond',
la ombroj de nokto forkuras el mond'.

Elkore salutas vin

John Berggreen.



H I S P A N U J O. En Monistrol de Montserrat, apud Barcelono, estas Junulara Restadejo, kiun posedas nia nova Nacia Reprezentanto. Skoltoj, kiuj estas membroj de SEL kun siaj amikoj povos senpage loĝi tie. Estas nur unu kondiĉo: ĉiu sin anoncu skribe aŭ telefone ĉe la NR antaŭe.

Certe do decas prezenti kaj bonvenigi tiun novan aktivulon. Kaj do, post la eksiĝo de Pedro Marqueta ni nun prezentas al vi: Salvadoro Aragay Galbany, la aktiva redaktoro de la gazeto Boletin de la Hispana Esp. Federacio, kaj membro de la gepatra komitato de la skoltgrupo en sia urbo.
Ni kore bonvenigas, kaj esperas, ke liaj aktivaĵoj en SEL donos al li kontentigon kaj feliĉon.

B E L G U J O. Malfacilaĵoj ofte povas instigi nin al pli bona laboroT[illegible]Tiel, ili multe povas utili al ni.
Jam dum multaj jaroj la Belga Sekcio eldonas propran bultenon sub la nomo 'La Heroldo'.



# El la Naciaj Sekcioj

Motoro de ĝi ĝis nun ĉiam estis nia honora Prezidanto Jozef van Gulck.
Feliĉe (!) oni nun ne plu povas uzi la stencil-maŝinon. Kaj anstataŭ ĉesi la eldonon, ili mirigis nin per belega bulteno, presita en du koloroj laŭ ofsetmetodo. Kaj same belaspekte oni pretigis propran leterpaperon.
Gratulojn, belgaj amikoj, pro via bona laboro!

I T A L U J O. Ankaŭ el Italujo venas novaĵoj. Nia Nacia Reprezentanto - Franco Tulone - fidele plenumis sian lastan taskon kaj serĉis por ni novan Nacian Reprezentanton.
Dum ni dankas al tiu, kiu forlasas la reton, ni bonvenigas la novan: Franco Abriani.
Kun li laboras Dr G Vandelli. Tiuj dividos inter si la taskojn. Sur la foto vi vidas d-ron Barelli, sekr. de Verona E-grupo, kune kun d-ro Vandelli kaj N.R. Abriani.







# LA EMBLEMO DE S.E.L.

Inter la unuaj membroj de Skolta Esperamto Ligo troviĝas la brita subtrupestro Cecil D.A. Capp, kiu antaŭ kelkaj jaroj mortis. Kaj li desegnis por SEL la insignon, kiun ni ĉiuj konas. Grava problemo estis, ke ĝi devis esti "skolta", sed tamen pro leĝaj kialoj ne povis enhavi la lilifloron, kiel skoltan simbolon. Li lerte trovis solvon per la uzo de la mano kun la skolta saluto

Post pli ol 50 jaroj la desegno tamen ne plu aspektas moderna.

Juna nederlandanto, studanto en arta akademio, nun faris novan desegnon, en moderna stilo, sed plene konservante la ideon de Cecil Capp. Ni esperas, ke ĝi plaĉos al vi.
La juna artisto estas Melle Hammer, la plej aĝa filo de nia sekretario. Li ankaŭ prizorgis la bildojn por nia nova libreto, kaj specimenon el tiuj desegnoj vi vidas sub tiuj linioj. Dankon, Melle!



I N V I T O .

Jam ni skribis aliloke pri invito al Hispanujo. Jen ankaŭ invito al'alia suda lando: Italujo:
Skoltgrupoj, kaj prefere kiam ili estas membroj de SEL, estas invititaj viziti la kamparan domon Esperantujo, ĉe la Cavalcaria Aŭtostrado en la vilaĝo Cavalcaselle, apud Verona. Posedas ĝin D-ro Vandelli, nia kunlaboranto en Italujo.

*Ideo el „Pfadfinder-Journal"*



# Oficialaj Sciigoj de la Centra Komitato

Novaj Naciaj Reprezentantoj (ek de 1. nov. 1976)
por Hispanujo:
s-ro Salvadoro ARAGAY GALBANY, *Barcelono*,
por Italujo:
s-ro Franko ABRIANI Verona.

Centra Komitato deziras esprimi sian plenan dankon al la antaŭaj NR por Hispanujo kaj Italujo, respektive s-ro Pedro Marqueta el Zaragoza, kaj s-ro Franco Tulone el Agrigento, kiuj ambaŭ dum multaj, multaj jaroj estis niaj Naciaj Reprezentantoj en siaj landoj. Ni dankas ilin pro sindona laboro kaj bona helpo farita al SEL. Ili ambaŭ petis pri retiro pro sia aĝo.

Samtempe CK bonvenigas la novajn NR, kaj esperas pri bona kunlaboro.

John Berggreen.
Prez.de SEL.



NI RICEVIS
informon pri la
III-a INTERNACIA KONFERENCO de la Neŭtrala Esperanto-Movado, okazonta en Humlebæk en Danlando 23-30 de Julio. Prelegos profesoro Lapenna, profesoro Hörburger kaj la docento Trærup.
Adreso ĉe H.V. Rasmussen, Bygtoften 8, DK 2800 Lyngby Danlando.




Tro malofte aperas korespondanoncoj en Nia revuo.
Kiam ili aperas - ĉu vi atentas ilin??
Nepre faru, ĉar nur tiel ni povas tuj doni al skoltoj ĉie en la mondo utilon kaj avantaĝojn pere de nia lingvo!
Nur tiel ni povas konvinki la geskoltojn.
Jen korespondpeto:
"Ni estas polaj geskoltoj kaj loĝas en urbo LUBLIN. Ni tre volas korespondi por interŝanĝi poŝtmarkojn kaj bildkartojn, kiuj prezentas naturon - t.e. floroj, bestoj, *pejsaĝoj - kun skoltoj* de la tuta mondo.
Nia trupo estas tre aktiva en protektado de la naturo. Ni organizas ekspoziciojn kaj seminariojn pri tiu ĉi temo"

La adreso estas:
E.WERENKO. Pl-20109 Lublin, Pollando, Ul. Krolewska 11 PZW.

NU - PRO TIO!!
Okazis en Brooklyn. Usonano estis en la granda trafiko viktimo de akcidento kun rompo de ostoj kiel rezulto.
Oni transportis lin al malsanulejo kie fama ĥirurgo laboris. Kaj tuj tiu eklaboris. La senkonscia paciento sciis neniom antaŭ *la posta mateno, sed en la* operaciejo multaj studentoj ĉeestis kaj atentis.
En la mateno la paciento vekiĝas, kaj scivole demandas:
Kompreneble mi komprenas la bandaĵojn ĉe la ŝultroj, pro la ostorompo - sed kial estas bandaĝo ĉirkaŭ la stomako?
- Jes, la studentoj tiom aplaŭdis post *la operacio, ke li forprenis la cekon* kiel krom-numero!

# 62. U.K.

Universala Esperanto-Asocio elsendis la unuan komunikon pri la 62.a Universala Kongreso 30an de julio ĝis 8a de aŭgusto en Rejkjaviko en Islando.
Dum la kongreso okazos novaj elektoj en UEA.
La problemo: "Kiel atingi Islandon" la bulteno tuŝas. La bulteno rekomendas uzon de aeroplano, kaj indikas karavan-vojaĝojn aranĝotajn deKopenhago, Amsterdamo kaj Parizo.
La hotelprezoj en Rejkja - viko varias de ĉ 40 ned gld al ĉ 90 n gld por ĉiu persono kaj nokto. Ĝi inkluzivas matenmanĝon.
Oni eble aranĝos amas-loĝejon en iu lernejo.
La Universitato de Islando servos kiel kongresejo. En ties koncertejo/kinejo povas sidi mil gastoj.

De la Kongreso (rekte - aŭ per vialanda peranto) vi povas senpage ricevi la 20-paĝan broŝuron "Islando - mondo de unikeco", kiu enhavas la Unuan Oficialan Bultenon de la kongreso.

Restas al ni (red.) la demando: La islandaj Skoltoj - ĉu ili lernas pri la kongreso? Pri nia lingvo? Aŭ ĉu oni forgesas la gejunulojn?
TEJO - la junularsekcio de UEA ja ne kongresos en Islando, sed havos sian 33an kongreson en Poitiers, en Francujo en la tagoj de 9a ĝis 16a de aŭgusto, do post la Universala Kongreso.

# ilarujo

Jen estas por vi priskribo de praktika ujo kiu - pakita - estas malgranda, sed kiu povas enhavi la precize necesajn kaj utilajn ilojn por ia ajn vojaĝo.



La modelo montrata estas por riparoj en aŭto-vojaĝoj. Sed vi povas anstataŭi la ilojn per tiuj de la biciklo, kaj havi la plej utilan ujon por via propra uzo.
Same vi povas adapti ĝin por la boato aŭ por kio ajn.
Kaj ne forgesu - vi povas fari ĝin por la tranĉilo, forko kaj kulero kaj aliaj utilaĵoj por la kampada kuirejo - en kiu ajn parto de la jaro.

Vi povas uzi preskaŭ ĉiun materialon por kudri ĝin. Eble vi havas ne plu uzeblan paron da pantalonoj? Estas en ĝi pli ol sufiĉe da ŝtofo. Sed se vi povas trovi pecon de akvodensa ŝtofo, des pli bone.
Kaj kompreneble vi povas dekorigi la ujon laŭplaĉe.
Kaj imagu, kiam dum feria vojaĝo, via patro bezonas la ilaron por iu riparo, kaj via praktika ujo enhavas ilin bonorde - vi rajtos fieri, ĉar vi havigis ion specialan al la vojaĝo.

La mezuroj estas indikataj en la usonaj inĉoj. Unu inĉo estas iom pli ol 2,5 cm sed vi ja ankaŭ povas fari la ujon laŭ la ilaro por kiu vi kudras ĝin.

Ni (red.) ne hezitas rekomendi, ke vi tuj ekagas. Tio povas fariĝi via donaco por la kristnasko.

Bonan feliĉon!
















El BOYS' LIFE ■ MAY 1973 ni prenis la supran bildon kaj la priskribon sur la antaŭa paĝo. Ni kredas, ke ĝi povas esti utila al vi. Ni ankaŭ kredas, ke en vialanda skolta revuo povas esti artikoloj, bildoj k.t.p. kiuj povas utili al aliaj. Kial ne sendi ilin al LSM?

# sapo!

Sapo - aĵo ne tre ŝatata de knaboj (ĉu ankaŭ de knabinoj?)
Nekomprenemaj patrinoj rifuzas formeti ĝin. Sed kial ni ĉiutage uzas lavilojn, kaj kiel ili efikas?
La purigilo konsistas el surfacaktivaj eretoj, la molekuloj, kiujn mi plej simple desegnas jene:



La maldekstra parto, la kapo, estas polusa, kaj kaŭze de tio dissolvebla en polusaj fluidaĵoj, ekz akvo. Kontraŭe la dekstra parto, la vosto, estas nepolusa kaj dissolvebla en oleo, graso kaj similaj nepolusas materioj. Ofte la molekulo estas grasacido, kiun oni kiel flankprodukto ricevas en margarinproduktado.

Surfacaktiveco nomiĝas la fenomeno, kiam la molekuloj lokiĝas je la surfaco, tiel ke la kapo akvoamanta troviĝas en la akvo, kaj la vosto sin streĉas en la aeron:




Kiam la koncentrado estas tiel alta, ke ne ekzistas pli da loko je la surfaco la molekuloj ariĝas en la mezo formante miĉelojn.


miĉelo

Tiuj ĉi miĉeloj kapablas dissolvi oleon en la centro de la sferoj, ĉar



Trankvilu nur - mi lavos la aŭton!!

tie la "atmosfero" estas oleosimila.
Atentu nun, kio okazas kiam vi vilas purigi ekz. teleron. (Rigardu la tri bildojn malsupre):

1. Akvo sola ne povas forigi grasajn malpuraĵojn.



2. En la akvon oni miksas purigilon. Jen la surfacaktivaĵoj lokiĝas inter la akva kaj la frasa fazoj.



3. Post meĥanika agado la mal purigaĵo ekzistas kiel grasero j en la akvo ĉirkaŭata de purigilaj molekuloj





La telero espereble estas pura.

Fine mi donas al vi malgrandan averton: Troa uzo de purigiloj ne estas bone, ĉar ĝi forigas la naturan grason de sur via haŭto. Sed la averto ne rezultu en neuzado!

Bengt Olof Nilsson.

## NACIAJ REPREZENTANTOJ

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | s-ro H.J.C. Brendel, 3/119 Kadumba Str., Yeronga - QLD 4104 |
| Aŭstrio: | f-ino Eva-Marie Fraunhofer, Badenerstr 7, A-2512 Tribuswinkel/Baden pr Vieno.<br>s-ro Franz Schwärzler, Rathausstrasse 2, A-6900 Bregenz. |
| Belgujo: | s-ro Gert van Damme, Marie Jose-laan 31, B-2600 Berchem.<br>s-ro L.j. VanGulck, Lt.Lippenslaan 33 bus 11, B-2200 Borgerhout. Poŝtk.to Belga Skolta Esp.Sekretario 000-0327460-85. Telefono (031)3688.08. |
| Brazilio: | s-ro Euclides C.Soares, Av.Almirante Tamaranda 979, Belem, Para. |
| Britujo: | s-ro C.Bardsley, 26 Crossbank House, OL9 6JD Oldham, Lancs. |
| Danlando: | s-ro Bjarke Nielsen, Erdalsvej 30, DK-2600 Glostrup. |
| Finnlando: | s-ino Irja Klemola, Nunna, SF-20660 Littoinen. |
| Francujo: | s-ro Patrick Deveughele, 53 Av.de Rigny, Appt 64, F-94360 Bry sur Marne |
| Germanujo: | s-ro Georg D. Winkler, Haroldstrasse 47, D-41 Duisburg 1. |
| Hispanujo: | s-ro S.Aragay Galbany, Bassegoda 40-3-1, Barcelona 14. Tel 333 80 81. |
| Irlando: | s-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4. |
| Italujo: | s-ro Fr. Abriani, Via Falconetto 24, I-37100 Verona.Tel 045-525173. |
| Japanujo: | s-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K.16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | s-ro John H.F.Hoyle, Box 421, Forest Ont.<br>Helpa NR: s-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Maroko-Agadir: | pernato s-ro Emilo Mas, 39 Cite des Oiseaux, Inezgane. |
| Meksikio: | s-ro Jaime Javier Martinez Tellez, 8a, No 3604, Chihuahua. |
| Nederlando: | s-ro B.J.Wijmer, Vreebos 41, Zoetermeer/2280. Tel 079-215868. Poŝtkto 3335470 |
| Norvegujo: | s-ro H.A.Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund. Tel 073-77620. |
| Novzelando: | s-ro D.B. Pease, 6a Bay Road St Heliers, Aukland 5. |
| Peruo: | s-ino J.de Skotte, Melecon Paul Harris 335/200 Barranco-Lima 4. |
| Portugalujo: | s-ro J.de Matos Correia, Rua Cidade da Horta, Lote q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4 |
| Svedujo: | peranto s-ro Ragnar Hjorth, Kronobergsgt 25, s-11233 Stockholm. |
| Usono: | s-ro Allan Fineberg, 76 Seventeenth Ave, Paterson N.J. 07513. |

Informoj pri membreco:
En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe NR kaj pagu al li la kotizon.

Individuaj membroj (nur en landoj sen N.R.!): Kotizo inkl. abono:
Junuloj ĝis 18-jaraj: Ned gld 3.30 aŭ egalvaloro.
Pliaĝuloj: Ned gld 5.00 aŭ egalvaloro.
Subtenantoj: Minimume Ned gld 5.00 aŭ egalvaloro.

Prefere pagu la kotizon al la kasisto. Vidu p. 2.

Adresoj de la Centra Komitato: Vidu la duan paĝon.

Konstanta adreso de S.E.L.: Postbus 433, Zaandam, Nederlando.

"Skolto estas helpema." "Skolto estas gaja kaj renkontas malfacilaĵojn kun bona humoro." Du punktoj el la skolta leĝo manifestiĝas dum la skolta biciklado ĉirkaŭ Gardo Lago




# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.




---


**REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND**



**NE ISSN 0037-6558**